lokoj; kal al ĉiuj, precipe al ĉi-tiuj lastaj ni diras: se vi ne posedas propagandilojn, turnu vin al la Redakcio de B. S. kiu sendos al vi ĉiujn necesajn rimedojn: francajn kaj flandrajn propagandajn broŝurojn, leterojn de Sro Kazi-Girej, ekzemplerojn de B. S., k. c., k. c.. Ĉiuj tiuj objektoj, laŭ la anoncoj, ne estas senpagaj sed la Redakcio de B. S., kiu antaŭ ĉio deziras la prosperon de Esperanto, evidente havas la rajton, en iaj difinitaj okazoj, altrudi al si oferon, eĉ gravan, por la propagando.

La batalado por Esperanto, kiu unuarigarde ŝajnas neĝojiga kaj enuiga, kontraŭe estas donema je altnaturaj kontentiĝoj ĉar, pro la konscio de la bela celo por kiu oni laboradas, pro la konsolaj kortuŝoj devenantaj el la frataj interrilatoj kun la anoj tiel kuniĝaj, tiel sindonaj de la granda Esperantista familio, oni baldaŭ trovas en tiuj klopodoj nekonitajn bonaĵojn, kiuj dolĉigas la maldolĉajn malĝojojn kaj la oftajn elraviĝojn de tiu malfacila penado.

Nia propaganda ilaro baldaŭ pliriĉiĝos je nova ilo: la Redakcio de B. S., efektive, eligos dum tiu-ĉi monato francan propagandan broŝuron kiu anstataŭos la bonegan broŝuron, hodiaŭ konsumitan, kiun verkis Sro Komto Lemaire. Tiu nova broŝuro, dank' al speciala ruzaĵo, havos utilon ŝatindan montronte ĉiam al la legantaro plenan tabelon de la disvastiĝo de nia lingvo: ĝi konsistos el daŭronta parto traktanta la teorian vidpunkton de la demando kaj definitive presita je granda nombro da ekzempleroj, kaj el dua parto traktanta la disvastiĝon de la lingvo kaj kiun ni renovigos kiel eble plej ofte: la du partoj, kiuj estos kunbindataj nur laŭmezure de l' renovigo de l' nefiksa parto, kunfaros do plenan broŝuron kiu estos sendube tre utila. (Oni povos ĝin mendi laŭ la prezoj jenaj: por 1 ekz. = 0,15 centimoj, por 10 ekz. = 1 fr., por 20 ekz. = 1,50 fr., por 50 ekz. = 3 fr., por 100 ekz. = 5 fr.). Tuj post ĝia apero, ni donace sendos ekzempleron al niaj protektantaj abonantoj.

De kelke da tempo, la Belga gazetaro ofte parolas pri nia entrepreno kaj tiamaniere bonege preparas nian propagandon. La respondo je la malfavora artikolo de « Le Patriote », pri kiu ni parolis en nia lasta kroniko, ne longe malfruis: la nro de l' 8a de Septembro enhavis lertan rebaton skribitan de nia samideano, Dro R. Van Melckebeke el Antverpeno: tiu-ĉi plie maluzas neniam ian okazon por konigi kaj ŝatigi nian lingvon en la ĵurnaloj kies kunlaboranto li estas: ekzemple, la « Annales de Pharmacie », en kiu li antaŭ

possédez pas de moyens de propagande, adressez-vous à la rédaction de la B. S. qui vous fournira toutes les armes nécessaires: brochures de propagande françaises et flamandes, lettres Kazi-Girey, exemplaires de la B. S., etc. Ces divers objets ne sont pas toujours mentionnés comme se délivrant gratuitement mais la Rédaction de la B. S., soucieuse avant tout du bien de l'Esperanto, se réserve évidemment le droit, dans des cas déterminés, de s'imposer un sacrifice, même considérable, au profit de la propagande.

La lutte pour l'Esperanto, qui à première vue semble aride et rebutante, est au contraire féconde en satisfactions élevées, car, par la conscience qu'on a de se dépenser en efforts pour une cause très noble, par les émotions consolantes qu'amènent les relations fraternelles avec les membres si unis, si dévoués de la vaste famille Espérantiste, on trouve bientôt à ces efforts des charmes insoupçonnés qui rendent douces les amertumes et les désillusions fréquentes, inséparables de cette lutte difficile.

Notre matériel de propagande s'enrichira sous peu d'un nouvel outil: la Rédaction de la B. S. fera paraître en effet, dans le courant de ce mois, une brochure française de propagande qui remplacera l'excellente brochure, actuellement épuisée, due à la plume de M. le Commt Lemaire. Cette nouvelle brochure, grâce à un artifice spécial, possédera l'avantage de présenter toujours au lecteur un tableau complet de la diffusion de la langue: elle se composera d'une partie fixe traitant le point de vue théorique de la question et tirée définitivement à un grand nombre d'exemplaires, et d'une seconde partie traitant de la diffusion de la langue et qui sera renouvelée aussi souvent que possible: les deux parties, qui ne seront brochées ensemble qu'au fur et à mesure du renouvellement de la partie non fixe, formeront donc une brochure complète, appelée sans doute à rendre de grands services. (On pourra se la procurer aux prix suivants: 1 exemplaire = 0,15 cts. 10 ex. = 1 fr., 20 ex. = 1,50 fr., 50 ex. = 3,00 fr., 100 ex. = 5,00 fr.) Dès son apparition, un exemplaire sera envoyé à titre gracieux à nos abonnés-protecteurs.

Depuis quelque temps, la presse belge s'entretient fréquemment de notre œuvre et prépare ainsi très bien le terrain pour la propagande. La réponse à l'article hostile du « Patriote », que nous signalions dans notre dernière chronique, ne s'est pas fait attendre longtemps: le no du 8 septembre contenait une excellente riposte de notre partisan, M. le Dr Van Melckebeke d'Anvers. Ce dernier ne laisse échapper aucune occasion de faire connaître et apprécier notre langue dans les journaux scientifiques auxquels il collabore: c'est ainsi que les « Annales de Pharmacie », où il y a quelques mois il avait déjà publié un bon article, renfermaient encore dernièrement la traduc-

*en aan allen, voornamelijk aan deze laatsten, zeggen wij: indien gij geene middelen tot verspreiding bezit, wendt u tot den opstelraad van de B. S., die u alle noodige wapenen zal leveren; Fransche en Vlaamsche propagandabrochuren, brieven van Kazi-Girey, exemplaren van de B. S., enz. Deze verscheidene dingen zijn niet altijd aangemeld, als zijnde kosteloos gegeven, maar de opstelraad der B. S., vooral om het welzijn van het Esperanto bekommerd, behoudt zich natuurlijk het recht, zich in bepaalde gevallen, een zelfs belangrijk offer te getroosten, ten profijte van het verspreidingswerk.*

*De strijd voor het Esperanto, die op het eerste opzicht onvruchtbaar en ontmoedigend schijnt, is integendeel vruchtbaar in verhevene voldoeningen, want, door het geweten dat men heeft, zich pogingen te getroosten voor eene zeer edele zaak, door de troostende gewaarwordingen welke de broederlijke betrekkingen met de zoo eendrachtelijke, zoo verkleefde leden der groote Esperantische familie aanbrengen, vindt men welhaast in deze pogingen onverwachte aantrekkelijkheden, die de menigvuldige bitterheden, en ontgoochelingen, onafscheidbaar van dezen moeilijken strijd, verzachten.*

*Ons propagandatuig zal zich binnen kort met een nieuw werktuig verrijken: de opstelraad van de B. S. zal inderdaad, in den loop dezer maand eene fransche propagandabrochuur doen verschijnen, die het uitmuntend vlugschrift, verschuldigd aan de pen van M. den bevelhebber Lemaire, zal vervangen. Dit nieuwe vlugschrift, dank aan eene bijzondere schikking, zal het voordeel bezitten, aan den lezer altijd eene volledige tafel van de verbreiding der taal te bieden: het zal samengesteld zijn uit een bestendig deel, handelende over het theorisch opzicht der kwestie, en bepaaldelijk getrokken op een groot getal exemplaren, en uit een tweede deel, sprekende over de verbreiding der taal, en die zoo dikwijls mogelijk zal vernieuwd worden: de twee deelen, die enkelijk te zamen zullen genaaid worden, naar gelang der vernieuwing van het niet bestendig deel, zullen dus eene volledig brochuur vormen, ongetwijfeld geroepen om groote diensten te bewijzen. (Men zal het zich aan de volgende prijzen kunnen verschaffen: 1 exemplaar = 0,15 c., 10 ex. = 1 fr., 20 ex. = 1,50 frs., 50 ex. = 3,00 fr., 100 ex. = 5,00 fr.) Van af zijne verschijning zal aan onze bescherm-inschrijvers, uit minzaamheid, een exemplaar gezonden worden.*

*Sedert eenigen tijd onderhoudt zich de Belgische drukpers veel over ons werk en bereidt alzoo zeer wel den weg voor de propaganda. Het antwoord op het vijandig artikel van den « Patriote » dat wij kenmerkten in onze laatste kroniek, heeft zich niet lang doen wachten: het nummer van 8 September bevatte een uitmuntend gepast antwoord van onzen partijganger, M. den Dr Van Melckebeke, van Antwerpen. Deze laatste laat geene enkele gelegenheid ontsnappen om onze taal te doen kennen en waardeeren in de wetenschappelijke bladeren waaraan hij medewerkt; alzoo is het,*

kelkaj monatoj jam presigis bonan artikolon, ankoraŭ enhavis antaŭ nelonge la tradukon, kun sciigo pri la deveno, de sciencaj artikoloj publikigitaj de « Lingvo Internacia », precipe de l'artikolo de D[ro] Brouardel pri la « Resanebleco de Tuberklozo ». La ĵurnalo « Le Patriote » cetere estas tre favora je nia agado : la n[ro] de l' 1[a] de Oktobro ankaŭ enhavis longan artikolon pri la « Utileco de Esperanto por Katolikoj », eltiritan el « Espero Katolika » kaj pri kies enpresigo petis nia amiko P. Mattelaer.

Inter la aliaj revuoj kaj ĵurnaloj, ni citu ankoraŭ la « Bulletin du Cercle Polyglotte de Bruxelles », ĵus aperintan, en kiu estas longe malvolvita la Esperanta demando, « La Métropole » el Antverpeno kiu daŭrigas sian helpeman kunlaboradon, kaj fine « Le Scalpel » (n[ro] de l' 27[a] de Septembro) : tiu grava organo de l' belga kuracistaro presigis, subskribitan de l' ĉefredaktoro D[ro] Dejace, bonegan ĉefartikolon verkitan laŭ la artikolo publikigita antaŭ nelonge de D[ro] Toulouse en la Pariza « Le Journal ». Sendube S[ro] D[ro] Dejace, kies inteligentan iniciativon ni devas tre laŭdi sed kiu ŝajnas ne bone koni la rapidajn progresojn de Esperanto, baldaŭ bonvolos ree trakti tiun objekton kaj plene instrui la Belgajn kuracistojn.

Inter la artikoloj publikigitaj jam antaŭ kelke da tempo sed kiujn oni ne sendis al ni, ni citu bonan artikolon en « De Vlaamsche Gazet » kaj en « De Vlaamsche Wachter » el Lokeren la represigon de longa artikolo de l' Lovena Studenta Gazeto : « Ons Leven ».

Antaŭ kelkaj tagoj, la Esperantistaj studentoj el Kortrako (Courtrai, Kortrijk) komencis propagandon per la gazetaro : artikoloj estis presataj, la 27[an] de Septembro kaj sekvantajn tagojn, en la ĵurnaloj jenaj : « Le Journal de Courtrai », « De Gulden Spore », « De Gazette van Kortrijk » : kelkaj aliaj ĵurnaloj ankaŭ publikigos post nelonge artikolojn. Dimanĉon, 4[an] de Oktobro, tiuj samaj studentoj aliris al Wevelghem, granda najbara vilaĝo, kie fervora samideano, S[ro] Vande Putte, instruisto, kiu disvastigas tie nian lingvon, organizis ĉe la literatura societo : « De Breidelszonen » propagandan kunvenon. Antaŭ granda aŭdantaro, en kiu alestis la eminentuloj de l' vilaĝo, S[ro] P. Mattelaer, Sekretario de l' Lovena studenta grupo, faris flandre belan paroladon kiun oni forte aplaŭdis; poste, S[ro] J. Goorieckx, el la Genta studenta grupo, saman sukceson ricevis parolante pri la bonaĵoj de l'Esperantistaj grupiĝoj kaj eldirante la deziron ke baldaŭ estu kreata grupo en Wevelghem. Finiĝis la kunveno post kelkaj entuziasmaj paroloj de S[ro] Vande

---

tion, avec la mention de l'origine, d'articles scientifiques parus dans « Lingvo Internacia », notamment de l'article du D[r] Brouardel sur la « Curabilité de la Tuberculose ». Le journal « Le Patriote » est d'ailleurs très favorable à notre mouvement : le n[o] du 1[er] octobre contenait encore un long article sur l' « Utilité de l'Esperanto pour les catholiques », extrait du journal « Espero Katolika » et dont notre ami P. Mattelaer avait demandé l'insertion.

Parmi les autres revues et journaux, citons encore le « Bulletin du Cercle Polyglotte de Bruxelles » qui vient de paraître et qui contient un long exposé de la question Espérantiste, « La Métropole » d'Anvers qui nous continue son concours dévoué, et enfin « Le Scalpel » (n[o] du 27 septembre) : cet organe important du corps médical belge a publié, sous la signature de son rédacteur en chef M. le D[r] Dejace, un excellent article de tête, inspiré par l'article écrit récemment par le D[r] Toulouse dans « Le Journal » de Paris. Sans doute M. le D[r] Dejace, dont nous ne pouvons que louer l'intelligente initiative mais qui semble peu au courant des progrès très rapides de la langue, consentira bientôt à revenir sur ce sujet et à donner aux médecins belges des notions plus complètes.

Parmi les articles parus il y a quelque temps déjà mais qu'on ne nous avait pas communiqués, citons dans « De Vlaamsche Gazet » un bon article et dans « De Vlaamsche Wachter » de Lokeren la reproduction d'un long article du journal estudiantin de Louvain : « Ons Leven. »

Il v a quelques jours, les étudiants Espérantistes de Courtrai ont inauguré une campagne de presse : des articles ont paru le dimanche 27 septembre et les jours suivants dans : « Le Journal de Courtrai », « De Gulden Spore », « De Gazette van Kortrijk » ; d'autres articles suivront encore dans quelques autres journaux. Le dimanche, 4 octobre, ces mêmes étudiants se sont rendus à Wevelghem, gros village des environs de Courtrai, où un ardent partisan, M. Vande Putte, instituteur, qui s'occupe de propager la langue, avait organisé une réunion de propagande au sein de la société littéraire : « De Breidelszonen ». Devant un auditoire très nombreux où se remarquaient tous les notables de la commune, M. P. Mattelaer, secrétaire du groupe estudiantin de Louvain, a donné en flamand une brillante conférence chaleureusement applaudie ; après lui, M. J. Goorieckx, du groupe estudiantin de Gand, a obtenu un succès analogue en exposant l'avantage des groupements Espérantistes et en émettant le vœu de voir se créer bientôt un groupe à Wevelghem. La réunion a pris fin après quelques paroles enthousiastes de M. Vande Putte et les vifs remerciements du président, M. Vanneste. Ajoutons que dans plusieurs autres villages voisins se dessine aussi un mouve-

*dat de « Annales de Pharmacie » waarin hij reeds over eenige maanden een goed artikel gegeven heeft, laatsileden nog, de vertaling bevatten, met de vermelding erbij, van wetenschappelijke artikelen verschenen in « Lingvo Internacia » namelijk van het artikel van D[r] Brouardel over de « Geneesbaarheid der knobbeltering. » Het dagblad « Le Patriote » is overigens onze beweging zeer toegedaan : het nummer van 1 Oktober behelsde nog een lang artikel over het « Nut van het Esperanto voor de katholieken, » getrokken uit het blad « Espero Katolika » en waarvan onze vriend P. Mattelaer de inlassching gevraagd had.*

*Onder de andere overzichten en dagbladen, noemen wij nog den « Bulletin du Cercle Polyglotte de Bruxelles » die komt te verschijnen en die een lang verslag bevat over het Esperantisch vraagpunt.*

*« La Métropole » van Antwerpen, die ons hare verkleefde medehulp voortgeeft, en eindelijk « Le Scalpel » (nummer van den 27 September) : dit merkwaardig orgaan van het Belgisch geneeskundig korps heeft, onder handteekening van zijnen hoofdopsteller M. D[r] Dejace, een uitmuntend hoofdartikel gegeven, ingegeven door het artikel, onlangs geschreven door D[r] Toulouse in « Le Journal » van Parijs. Zonder twijfel zal M. D[r] Dejace, wiens verstandige opvatting wij slechts kunnen loven, maar die weinig op de hoogte schijnt van de zeer rasse vorderingen der taal, welhaast toestemmen op dit onderwerp terug te keeren, en aan de Belgische geneesheeren meer volledige begrippen te geven.*

*Onder de artikelen, over eenigen tijd reeds verschenen, doch welke men ons niet medegedeeld had, melden wij een goed artikel in « De Vlaamsche Gazet » en in « De Vlaamsche wachter » van Lokeren, de overschrijving van een lang artikel uit het Studentenblad van Leuven « Ons Leven ».*

*Over eenige dagen hebben de Esperantische studenten van Kortrijk eenen drukperstocht ingericht : artikelen zijn verschenen op Zondag 27 September en volgende dagen in « Le Journal de Courtrai », « De Gulden Spore », « De Gazette van Kortrijk » ; andere artikelen zullen nog volgen in eenige andere dagbladen. Op Zondag 4 Oktober, hebben dezelfde studenten zich naar Wevelghem begeven, een groot dorp der omstreken van Kortrijk, waar een vurige aanhanger, M. Van de Putte, onderwijzer, die zich bezighoudt met de taal te verspreiden, eene propagandavergadering ingericht had, in den schoot der letterkundige maatschappij « De Breidelszonen ». Vóór een zeer talrijk gehoor, waar men alle voornamen der gemeente bemerkte, heeft M. P. Mattelaer, sekretaris van de studentengroep van Leuven, in 't Vlaamsch eene schitterende redevoering gegeven, die warm toegejuicht werd. Na hem, heeft M. J. Goorieckx, van de studentengroep van Gent, eenen gelijken bijval bekomen, met zijn betoog over het voordeel der Esperantische kringen en zijnen wensch, welhaast eene groep te Wevelghem te zien inrichten. De vergadering heeft geëindigd na*

Putte kaj la varma dankado de l' prezidanto, S^ro^ Vanneste. Ni aldonu ke en kelkaj vilaĝoj de l' ĉirkaŭaĵo ankaŭ prepariĝas propaganda movado, kiu de nun tre plifaciliĝos ĉar la Kortrakaj Esperantistoj prosperis ekvendigi ĉiujn Esperantistajn lernolibrojn ĉe S^ro^ Vermaut, presisto.

En S^t^ Gilles-Bruselo, la kurso de Esperanto rekomenciĝis la 30^an^ de Septembro post bonega parolado de S^ro^ inĝeniero Bertrand, profesoro ĉe la Mina lernejo de Mons. La kurso estos farata de S^ro^ L. Christiaens.

Fine, ni konigu al niaj legantoj tre gravan novaĵon. Dezirante de longatempe ke inter la Belgaj universitataj profesoraro kaj studentaro naskiĝu esperanta movado simila je tiu kiun ni admiras en Francujo, ni imagis projekton kiu nin alkondukos al tiu celo. Dank' al la afableco kaj potenca pero de S^ro^ Boirac, Rektoro de l'Universitato de Dijono (Francujo), S^ro^ Ch. Lambert, profesoro ĉe tiu sama Universitato kaj tre sindonema Esperantisto, konsentis veni Belgujon, dum la unuaj semajnoj de Novembro, por fari malgrandan serion da paroladoj, precipe ĉe niaj Universitatoj. Ne estas eble ke ni hodiaŭ pli longe parolu pri tio. Sed, jam en ĉi-tiu tago, ni tre deziras publike eldiri nian grandan dankemon al niaj karaj francaj samideanoj, precipe al S^oj^ Boirac kaj Lambert el Dijono, kaj al S^ro^ A. Offret, profesoro ĉe la Universitato de Lyono, kies sincera sindonemo, tre ŝatinda subteno kaj ravega afableco ebligos al ni, sen ia dubo, grandege progresigi en Belgujo nian karan aferon.

Maurice SEYNAEVE.

## *La fino de la militoj.*

Antaŭ nelonge la scienca revuo « La Nature » priskribis eksperimentojn de S^ro^ Guarini rilate al influo de elektraj ondoj sur homa korpo. Tiu fizikisto sukcesis per rimedoj, similantaj al tiuj uzataj por la telegrafado sen fadeno : transdoni tra mallonga interspaco elektrajn skuojn kiel tiujn de ekstrafluo de Rumkorfa bobeno; kaj li ŝatas ke, pligrandigante tiujn agojn, oni eble iam sukcesos mortigi sen interligilo malamikan militistaron trans granda interspaco.

Priparolante tiun eltrovaĵon kaj la eblecon forigi per ĝi la militon, la ĵurnalo « Le Patriote » esprimis en la numero de la 21^a^ de Septembro 1903 tiujn sencajn kaj homamajn sentojn :

« Oni elpensu detruilojn kaj mortigilojn ! tio neniam forigos la militon. La homaj pasioj, la vanteco, la malhumileco, la gloramo, la patriota fanatikeco, unuvorte la homa malspriteco estos ĉiam pli grandaj, pli povaj ol la scienco kaj la logiko. Jam de longe oni mortigas je granda malproksimo sen fadeno, ĉar pafilegoj trafas ĝis multaj mejloj.

Dum la paco, la milita scienco elpensas ĉiutage novajn ilojn pli mortigantajn, pli perfektigitajn, pli sciencajn. La internacia anarĥio tamen persistas malgraŭ la perdoj ĉiutage pli teruraj, kiujn necesigas ĉu la milito, ĉu la subteno de armata paco pli ruiniganta kaj pli ellaciganta ol la milito mem.

Por neniigi la militon ekzistas nur unu rimedo : sed tiu rimedo apartenas nek al la fiziko, nek al la ĥemio, nek al la meĥaniko : ĝi estas rimedo nur esence morala. Unue estas necese aliformigi tute publikan ŝaton pri la milito kaj la militirantoj, kaj ĝin aliformigi fundamente, tiamaniere ke almilito anstataŭ havigi al la estro altŝaton kaj gloron, estu de nun ŝatata kiel malestiminda krimo, kiel honta kaj malhonora agado.

Nur tiu aliformigo de la komuna ŝatmaniero de homaro povos kaŭzi la forigon de la plimulto da militoj, ĉar ĝi forigos ne nur la agigilon de la ŝtatestroj — t. e. la gloramon, la deziron transvivigi ilian nomon ĉe la posteularo — sed ankaŭ la ilon kiu senkulpigas ilin ĉe ilia popolo — t. e. la nacia patriota fanatikeco.

---

ment de propagande, qui sera encore facilité désormais par le fait que les Espérantistes de Courtrai ont obtenu enfin la mise en vente de tous les manuels Espérantistes chez M. Vermaut, imprimeur, rue Longue des Pierres, à Courtrai.

A St. Gilles-Bruxelles, le cours d'Esperanto a repris le 30 septembre dernier après une excellente conférence de M. l'ingénieur Bertrand, professeur à l'école des Mines de Mons. L'enseignement sera donné par M. L. Christiaens.

Faisons enfin connaître à nos lecteurs une très importante nouvelle. Désireux depuis longtemps de voir se créer parmi les corps professoral et estudiantin des Universités belges un mouvement analogue à celui que nous admirons en France, nous avons conçu un projet capable de nous mener à ce but. Grâce à la bienveillante et puissante intervention de M. Boirac, Recteur de l'Université de Dijon, M. Ch. Lambert, professeur et Maître de Conférences à la même Université et Espérantiste très dévoué, a consenti à venir faire en Belgique, dans les premières semaines de novembre, une courte tournée de conférences, qui s'adresseront principalement à nos Universités. Il ne nous est pas possible d'en dire plus en ce moment. Mais dès aujourd'hui nous avons à cœur de manifester publiquement toute notre reconnaissance à nos chers partisans français, principalement à MM. Boirac et Lambert de Dijon et à M. Offret, professeur à l'Université de Lyon, dont le dévouement sincère, le secours précieux et l'exquise amabilité nous permettront, n'en doutons pas, de faire faire à notre chère cause en Belgique un progrès immense.

Maurice SEYNAEVE.

*eenige geestdriftige woorden van M. Van de Putte, en de levendige bedankingen van den voorzitter M. Vanneste. Voegen wij erbij dat in verscheidene naburige dorpen zich ook eene propagandabeweging afteekent, die in 't vervolg nog zal vergemakkelijkt worden door het feit dat de Esperantisten van Kortrijk eindelijk de tekoopstelling bekomen hebben van alle de Esperantische handboeken bij M. Vermaut, drukker, Lange Steenstraat, te Kortrijk.*

*Te S^t^ Gilles-Brussel, is de leergang van Esperanto hernomen op 30 September laatst, na eene uitmuntende voordracht van M. den Ingenieur Bertrand, leeraar aan de Mijnenschool van Bergen. Het onderwijs zal gegeven worden door M. L. Christiaens.*

*Eindelijk, laten wij onze lezers een zeer belangrijk nieuws weten. Sedert lang begerig, onder het leeraars- en studentenkorps der Belgische hoogescholen eene beweging te zien ontstaan, gelijkvormig aan deze welke wij in Frankrijk bewonderen, hebben wij een ontwerp opgevat, bekwaam om ons tot dit doel te leiden. Dank aan de welwillende en machtige tusschenkomst van M. Boirac, Rector der Hoogeschool van Dijon, heeft M. Ch. Lambert, leeraar en voordrachtmeester aan dezelfde Hoogeschool, en zeer verkleefde Esperantist, er in toegestemd, in de eerste weken van November, eene korte voordrachtsomreis te komen doen in België, die zich voornamelijk tot onze Hoogescholen zal richten. Het is ons niet mogelijk er in dit oogenblik meer over te zeggen. Maar, van heden af ligt het ons ter herte, openbaarlijk geheel onze erkentelijkheid te betoonen aan onze duurbare Fransche partijgangers, voornamelijk aan MM. Boirac et Lambert van Dijon, en aan M. Offret, leeraar aan de Hoogeschool van Lyon, wiens rechtzinnige verkleefdheid, kostbare hulp en uitgelezene beminnelijkheid ons zullen toelaten, twijfelen wij er niet aan, in België onze duurbare zaak een overgrooten vooruitgang te doen maken.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

Kiam la ekscitantoj de milito ekvidos estonte nur hontkolonon (1) anstataŭ statuojn, kiam malbenoj anstataŭos laŭdojn, kiam la laŭroj estos fariĝintaj vergoj, tiam ne ekzistos plu amantoj aŭ partianoj de l' milito.

Ĉu tiu aliformigo de la publika ŝato estas ebla? Kial ne?

La milito estas ja nur duelo inter nacioj, duelo tiom besta, tiom malsprita, tiom kontraŭsaĝa, kontraŭmora, kiom la duelo inter individuoj.

Longtempe oni pretendis ke la neniigo de la duelo, tiu malsaĝa kutimo, estas neeblaĵo. Tamen ĝi malaperis el la plej civilizitaj nacioj kaj nur estadas ĉe la militistoj laŭ la profesio, en la landoj kie ekzistas ankoraŭ la antaŭjuĝo pri la « point d'honneur » alligita al glavpinto. Eĉ en tiuj treege militemaj kaj patriotfanatikaj landoj la duelon kontraŭbatalas ĉiuj scienculoj, ĉiuj estimindaj homoj, ĝi estas nepre kondamnata de ĉiuj pastroj kaj de ĉiuj Kristanoj agantaj laŭ sia religia kredo.

Oni povas do ekvideti la tempon kiam nenia serioza homo intencos ĝin laŭdegi. La duelo estos iam ŝatata kiel nun la juĝa provo, la duopa batalo, nomata « juĝo de Dio » pri kiu oni nur parolas kiel pri ia kutimo el la barbara tempo.

Kial tiu ŝanĝo de opinioj kaj de moroj kiu fariĝis pri la duelo kaj pri la juĝo de Dio, ne fariĝos ankaŭ pri la milito?

Kia malsimileco ekzistas, je l' vidopunkto de la moralo kaj de la logiko inter la juĝo de Dio de niaj maldelikataj praavoj kaj la milito? — Nenia.

Kiom estas sensaĝe kaj krime ke landano pretendu fariĝi sia juĝanto, anstataŭ sin turni al regula juĝistaro, tiom estas malaminde kaj malkuraĝe ke nacio kiu fidas je sia forto rifuzu arbitracion aŭ ekuzu armilojn. Ĉar nur frenezulo aŭ sovaĝulo povas pretendi ke la okazintaĵoj de milito aŭ la supereco de l' forto kreas la rajton, kaj ke la pafilego estas juĝisto pli saĝa, pli justa, ol juĝistaro elektita inter viroj famaj per ilia nesubaĉetebla honesteco.

La milito do estas ĉiam krimo, eĉ kiam ĝia kaŭzo estas rajta, se la ĉiuj aliaj rimedoj, kaj inter ili unue la arbitracio, ne estas antaŭe eluzitaj.

Ni fortike konvinkiĝas ke iam la homaro, fine konfesanta ke ekzistas nur unu moralo, la sama por la nacioj kaj por la individuoj, por la ŝtatestroj kaj por la regatoj, proklamos ke la zorgo pri la grandeco de la patrujo ne pli senkulpigas krimon ol privata aŭ familia intereso; kaj ke la arbitracio estas la sola rimedo por juĝi konfliktojn inter civilizitaj nacioj.

En tiu tago la rabo ne estos plu la fundamento de la internacia politiko kaj oni rejuĝos nombrajn juĝojn de la Historio kiel ĝis nun oni ĝin skribis, kiel oni ĝin instruas ankoraŭ ve! pretekstante patriotismon en la plej bonaj privataj aŭ publikaj lernejoj.

La Krista religio jam ĉesigis la honoradon de Venus kaj de Mars, la sangajn batalojn en la cirkoj, kaj la sklavecon: ĝi venkos iam la duelon kaj la militon. Sed por alvenigi tiun feliĉan tagon estas necese ke tiuj, kiuj respondas pri la edukado de la popolo, sin detenu pri la glorigo de la grandaj mortigistoj, kaj unue urĝas ke ĉiuj verkistoj kaj edukistoj ĉesu proklami la rajtecon kaj la sanktecon de la milito kaj ne blasfemu plu nomante la Ĉiopovan, pro malĝusta traduko, la Dion de l' militistaroj.

« Deus Sabaoth » estas tradukota: Dio de l'elementoj.

Antverpeno, Septembro 1903. Dro Raym. VAN MELCKEBEKE.

## Novaj protektantaj abonantoj.

*SESA NOMARO.*

Sro E. Vaes, Notario, Bruxelles, Belgujo.
Sro R. Caspar, Stuttgart, Germanujo.
Sro R. Héduit, Rouen, Francujo.
Sro Jules Verdussen, Bello Horizonte, Brazilujo.
Sro Dr E. Godfrind, Seilles-Andenne, Belgujo.
Sro L. Pels, Bruxelles, Belgujo.
Sro Renaux de Boubers, Liége, Belgujo.
Sro William Goldmann, Bruxelles, Belgujo.

## Deziras Korespondadi.

Ni memoras niajn legantojn ke, sub tiu ĉi rubriko, ni enskribos la abonantojn kiuj deziras korespondadi pri kiu ajn objekto. La enskribo estas tute senpaga.

Adresoj ŝanĝitaj. — No 3. So Lucien Christiaens, 57-59, quai au bois à brûler, Bruxelles.
No 10. So J. Verbanck, 12, rue de Westphalie, St-Gilles-Bruxelles.

---

(1) *Hontkolono.* Kolono al kiu oni alligis la krimulojn, apud la urbdomo, por ilin publike elmontri. Nun oni afiŝas nur la kondamnon en difinitaj okazoj.

## *Ĉu estas pli ol unu mondo loĝata ?*

La demando antaŭ nelonge traktita en nia rondiranta gazeto: « Ĉu estas loĝantoj en la luno ? » elvokas alian demandon pli ĝeneralan: « Ĉu estas ekzistaĵoj alie ol sur nia Tero ? »

Laŭ nia opinio, la afero estas senduba. Por konvinkiĝi, oni konsideru tiujn ĉi du faktojn : la sensignifan lokon okupatan de la Tero en la kreitaĵaro, kaj la multegecon kaj diversecon de l' estaĵoj sur ĝia supraĵo.

Kvankam nia mondo al ni ŝajnas la plej grava en la Universo, ĝi estas, en realeco, nevidebla en la multego da mondoj, kiuj troviĝas en la spaco, kaj la kreitaro tute nescias eĉ ĝian ekzistadon. El la planedoj de nia suna sistemo, nur kvar povas scii ke ĝi ekzistas. Por la aliaj ĝi estas kaŝata en la radioj de la suno

Se oni pensas ankaŭ ke la milionoj da steloj kiuj brilas super niaj kapoj en la nokto, estas tiom da sunoj kun ilia sekvantaro da planedoj, oni haltas konfuzata pro lo malgrandegeco de nia globo, kiu tiam fariĝas malpli, ol sablero en la spaco. Kaj tamen sur tiu sablero, vidu kun kia malavareco la Naturo metis la estaĵojn ! La Tero ŝajnas al ni simila al kaliko tro plena, el kiu la vivo de ĉie elfluas. Ĉie la vivo troviĝas, ĉie regas; eĉ, kvazaŭ al ĝi la loko mankus, ĝi metas la estaĵojn unuj sur la aliajn !

En la akvoguto, en la polvero kiun la vento forprenas en sia kuro, la mikroskopo al ni aperigas milojn da estaĵoj, kiuj vivas, sin movas kaj mortas. Nu, ĉu la homo kuraĝos pretendi ke tiu neekvidebla punkto en la spaco, estas la loĝejo ekskluziva de la Vivo ? Ĉu eble estus, ke la milionoj da mondoj de l' kreitaro-mondoj pli grandaj kaj kiuj ŝajnas en kondiĉoj de loĝebleco multe pli bonaj ke tiuj mondoj estus nur vastaj regionoj dezertaj kaj nudaj, kie sole la ŝtonegoj sin rigardus eterne en sia silenta senmovebleco ? Pli humila kaj saĝa estus la polvero aŭ la akvoguto, kiu kredus esti la sola loko loĝata de la Tero !

LÉON CARLIER, Ixelles.

Teksto eltirita el la manuskripta rondiranta gazeto « Kunfratiĝo ».

## *Avizoj diversaj.*

Ni ricevis la jenajn leterojn :

Tre Estimata Sinjoro !

En Novembro de 1903a jaro aperos la unua No de « Internacia Medicina Revuo », sesonjara organo en Esperanto, kies redakcia komitato konsistas el Profesoroj en Pariza Medicina Fakultato.

Nebezone estas klarigi gravegecon de tiu nova gazeto por nia afero, nek influon, kiun ĝi povos havi al sciencula mondo, aparte al Federacio Internacia de Akademioj, kiu kunvenos en 1904a jaro por priparoli la problemon de lingvo internacia.

« I. M. R. », unua teknika organo en lingvo artefarita elirados po 48 paĝoj en granda formato kaj sub kolora kovrilo; ĝia jara abonkosto estas :

En Francujo. . . . . . . . . 6 1/2 frankoj.
Ekster Francujo . . . . . . 7 fr. (3 rubloj per papermono).

Titolo de Protekta Abonanto estos donata al ĉiu, kiu pagos almenaŭ 20 fr. Tiuj abonantoj havos sian nomon sur ĉiu kajero, ricevados po kelkaj ekzempleroj, kaj, post la unua jaro, detalan financan etaton de l'entrepreno kun peto voĉdoni kaj konsili por la 2a jaro.

Plej granda propagando estos farata per la gazeto; ni sendos provajn ekzemplerojn kun gramatiko de Esperanto al plej multaj scienculoj. Sed por tio ni bezonas monon kaj kunlaboradon. Tial ni petas vin volu tuj sendi al ni adresaron de personoj, al kiuj estos bone konigi la gazeton; volu tuj sendi vian abonpagon; volu bonvole helpi en verkado de artikoloj. Detalaj sciigoj pri tiu lasta punkto estos sendataj laŭ peto.

Al ĉiuj, kiuj abonos antaŭ la apero de la 1a No, ni sendos senpage unu ekz. de « Esperanta Sintakso laŭ verkoj de Dro Zamenhof » (Kolekto L. I. No 3, definitiva kosto : 1,50 fr.). Plie, ilia abono daŭros dum tuta jaro 1904a, kia ajn estos nombro de N-oj aperontaj ĝis fino de tiu ĉi jaro.

Ni scias, ke ni postulas multe, sed ni tre esperas, ke vi volos subtenadi tian utilegan entreprenon, kiu alportos al Esperanto firman teron tiel longe serĉitan : praktikan utilecon. Tial konfidante vian konatan Esperantistan fervoron, mi antaŭe plej kore vin dankas, kaj humile salutas.

PAUL FRUICTIER
ĉefredaktoro de « Lingvo Internacia »
redakcia sekretario de « Internacia Medicina Revuo »
27, Bd Arago, Paris.

## Grupo Esperantista Pariza.

Parizo, Septembro 1903.

TRE ESTIMATA SAMIDEANO,

Mi plezure sciigas al vi ke la *Grupo Esperantista Pariza* intencas organizi kiel eble plej gravan ekspozicion Esperantan en la granda internacia ekspozicio, kiu okazos la proksiman jaron en la urbo *St-Louis* en *Ameriko*.

Tiu esperantista elmontrado estos lokita en la Grupo $138^{a}$ de la ekspozicio speciale difinita por *la progresado de la sociala movado*. Ni tute ne volas fari nacian francan ekspozicion sed, male, internacian ĉiulandan elmontradon *de Esperanto*. Ni do deziras posedi kiel eble plej multajn dokumentojn por montri la gravecon de nia afero kaj ĝian divastiĝon en *ĉiuj landoj*.

Ni do tre petas vin ke vi bonvolu sendi al ni :

$1^{e}$ Sciigojn kiel eble plej ĝustajn pri la nuna stato de Esperanto en via lando, provinco, aŭ urbo.

$2^{e}$ La kiel eble plej plenan kolekton de la libroj, broŝuroj, ĵurnaloj esperantaj aŭ pro-esperantaj eldonitaj en via lando.

$3^{e}$ Dokumentojn ĉiuspecajn : leterojn, poŝtkartojn, cirkulerojn, reklamojn, artikolojn, k. c., kiuj povus taŭgi por montri la utilecon, bonecon, facilan ellerneblecon kaj disvastiĝon de nia lingvo.

$4^{e}$ Multajn foliojn aŭ broŝurojn propagandajn en via nacia lingvo, kiujn oni povus disdoni *senpage* al la vizitantoj.

Tuj post la fermo de la ekspozicio ni resendos al vi, *afrankite*, ĉiujn dokumentojn senditajn.

Ĉar la afero bezonas rapidecon por ke la sukceso estu kiel eble plej granda, ni tre insistas por ke vi sendu al ni ĉion tion kiel eble plej baldaŭ.

Esperante ke vi komprenos la gravecon de tiu entrepreno, kies elspezan ŝarĝon ni tute prenas sur nin, kaj ke vi bonvolos helpi nin por la bono de nia homama afero, ni petas vin, estimata samideano, akcepti la esprimon de niaj plej sindonaj kaj kunfrataj sentoj.

CARLO BOURLET, Prezidanto de la Grupo Pariza.

*N. B.* — Ĉiujn dokumentojn oni sendu afrankite al :

$S^{o}$ H. DE COPPET, 174, $B^{d}$ Péreire, Paris.

Por eviti la perdon de l'pakaĵo estus bone ke oni *rekomendu* ĝin.

***

La firmo Hachette kaj $K^{o}$ intencas eldoni *Jarlibron esperantistan tutmondan* kiu enhavos :

$1^{e}$ Nomaron de ĉiuj Societoj proesperantaj nun ekzistantaj sur la tuta tero.

$2^{e}$ Nomaron kiel eble plej plenan de la nomoj kaj adresoj de ĉiuj esperantistoj, urbo post urbo, laŭ la alfabeta ordo.

$3^{e}$ Sciigojn pri la gazetoj esperantistaj.

$4^{e}$ Sciigojn pri la libroj esperantaj *ĉiuspecaj*.

$5^{e}$ Anoncojn kaj reklamojn komercajn.

Tiu jarlibro, eldonita sub la protekto de l' Pariza grupo, estas prilaborata de $S^{o}$ $B^{ono}$ de Ménil.

Ĉiuj esperantistoj estas petataj ke ili sendu tuj sian nomon, profesion kaj adreson al $S^{o}$ de Ménil, 46, Boulevard Magenta, Paris ($10^{a}$).

La enskribo estas senpaga.

***

Ree, ni tre insiste petas ĉiujn niajn abonantojn kaj amikojn ke ili senprokraste volu reaboni la B. S.

Pli longa malfruo tre ĝenos nin kaj tre pligrandigos nian laboradon. Cetere, la Novembran numeron ni povos sendi nur al tiuj el niaj fremdaj amikoj, kiuj jam estos abonintaj.

La Belgaj abonantoj, ne ankoraŭ reabonotaj, ricevos, post kelkaj tagoj, poŝtan kvitancon ; ni esperas ke ili rezervos al ĝi bonan akcepton.

***

La kursoj, organizataj de l' « Esperantista Lovena Grupo », rekomenciĝis je la unuaj tagoj de Oktobro.

Tri kursoj estas farataj de la tre sindonema samideano E. Mathys : unu por la virinoj (ĉiumerkrede), kaj du por la viroj : flandra kurso ĉiumarde kaj franca ĉiuvendrede. Oni raportos pri ili en nia proksima numero kaj ankaŭ pri festa kunveno kiu okazis la $5^{an}$ de Oktobro.

## Avis divers.

Nous insistons à nouveau auprès de tous nos amis et abonnés pour qu'ils se réabonnent sans retard à la B. S. Un plus long retard nous causera beaucoup d'ennuis et aggravera singulièrement notre besogne. Au reste, nous ne pourrons envoyer le numéro de novembre qu'à ceux de nos amis étrangers qui se seront déjà réabonnés.

Les abonnés belges, non encore réabonnés, recevront, dans quelques jours, un reçu par la poste ; nous espérons qu'ils lui réserveront bon accueil.

## Verscheidene berichten.

*Wij dingen opnieuw bij alle onze vrienden en inschrijvers aan, opdat zij zonder uitstel weder inschrijven op de B. S. Een langer uitstel zal ons veel verveling veroorzaken en zal onze taak merkelijk verzwaren. Ten andere, wij zullen slechts het novembernummer kunnen zenden aan dezen die reeds zullen heringeschreven hebben.*

*De Belgische inschrijvers die nog niet betaald hebben zullen in de eerste dagen een postkwijtschrift ontvangen ; wij hopen dat zij hetzelve met een goed onthaal zullen vereeren.*




ORGANO

DE LA

helpanta lingvo internacia

**ESPERANTO**

79, St Christopher str.

**Montreal**

KANADO.

PETU PRUVAN NUMERON.

*JARA ABONO:*
**frankoj 3.00**

# SPINEUX & C^IE

— FREMDA LIBREJO —

FONDITA EN 1833

## 62, Montagne de la Cour

**BRUSELO.**

Telefono 3688 — Telefono 3688

## Libroj eldonitaj de HACHETTE & C^IE

Vendas ĉiujn esperantistajn librojn kaj, ĝenerale, ĉiujn librojn verkitajn en ia lingvo.

KORESPONDANTOJ EN ĈIUJ ALIAJ LANDOJ.

**ONI KORESPONDAS ESPERANTE.**

## LA PERILO DE LA GAZETISTARO.

(L'INTERMÉDIAIRE DE LA PRESSE).

**15, rue S^te Gudule, BRUXELLES.**

Legas, tradukas, detranĉas ĉiujn ĵurnalojn gazetojn kaj revuojn de la tuta mondo kaj sendas, el ili, ekstraktojn pri ĉiuj objektoj.

Ĉiu kiu deziras interesadiĝi je ia demando, abonas « l'Intermédiaire de la Presse. »

Prezarojn pri abonoj oni sendas laŭ demando.

Oni korespondas en Esperanto.

✻ KOMERCEJO ✻

# JULES BONTE

RUE DES BOUCHERS, 55

BRUGES.




Tuta aranĝigo de presejoj. — Fabrikado de maŝinoj por presi. — Ĉiuj iaj specoj da literoj kaj duailoj. — Broĉiloj per nikelfadeno, altranĉiloj, premiloj por atlasigi, numerigiloj, inkoj, kliŝaĵoj, k. t. p.

**Post peto, oni sendas, senpage, modelojn kaj prezarojn.**

# KELKAJ FLOROJ ESPERANTAJ.

Ilustrita Legolibro

DE A.-J. WITTERYCK.

| | | |
|---|---|---|
| Prezoj por unu numero | En Belgujo : franko : 0,20 | |
| | En eksterbelgaj landoj : fr. 0,25 | |
| Prezoj por kvin numeroj | En Belgujo : franko : 0,75 | |
| | En eksterbelgaj landoj : fr. 1,00. | |

*Sin turni al* A.-J. WITTERYCK, BRUĜO.

# « La Belga Sonorilo »

UNUA JARKOLEKTO.

PREZO : Belgujo : 2,50 frankoj.
Alilandoj : 3,00 frankoj.

**Sin turni al S^ro M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir, COURTRAI.**

## ESPERANTA KOLEKTO DE L. I.

Verkoj zorge elektitaj kaj en plej regula Esperanta stilo.

N-ro 1. **Kurioza Sunhorloĝo**, de S. Poljanskij, kun 4 figuroj kaj 2 kalkul-tabeloj . . . . . . . . . . . **0f 50** centim.

N-ro 2. **Esperanta Frazlibro de l' Turisto**, 400 utilaj frazoj en Esperanto kun tradukoj angla, franca, germana, hispana, itala; adresaro de la diverslandaj grupoj kaj societoj Esperantistaj prezaro de lernolibroj, propagandiloj, k. t. p. . **0f 50** centim.
*Por membroj de S. I. R.* . . . . . . . . . **0f 35** centim.

N-ro 3. **Esperanta Sintakso** laŭ verkoj de S-ro Doktoro ZAMENHOF kaj aliaj, en Esperanto, de P. Fruictier, ĉefredaktoro de « Lingvo Internacia » . . . . . . . . . **1,50** fr.

Poŝtmarkoj estas akceptataj nur por 3/4 de ilia valoro.

**PARIS**, *27, Boulevard Arago.*